# Enhavo.



(Ĉi tiu numero enhavas 16 tekst-paĝojn.)

6-a Jaro. N-o 2-3 Februaro-Marto 1927.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.

## Je Memoro de Johann Heinrich Pestalozzi.

Pestalozzi naskiĝis la 12-an de Januaro 1746 en Zürich. Li estas la centro de la ĉijara regna poreduka semajno en Germanujo. En ĉiuj lernejoj oni pri li rememorigos okaze de lia centjara morttago, 17. Februaro 1927, kiel antaŭbatalanto de la moderna instrumetodo. Li perdis jam frue sian patron, homaman kuraciston, kaj estas edukita de sia patrino. Li starigis al ŝi poste monumenton en sia fame konata verkaĵo „Lienhard und Gertrud". Forlasinte la intencon, estiĝi pastro aŭ advokato, li dediĉis sin al agrikulturo. Nun li komencis fondi lernejon por malriĉuloj kun 50 knaboj: li kolektis malriĉajn georfojn, instruis ilin kaj partoprenigis ilin je sia agrikultura laboro laŭ iliaj fortoj. Per komuna laboro estis evoluiĝontaj la religiaj, moralaj, animaj kaj korpaj fortoj de la infanoj. La amo estis la fundamento de lia edukado. El ĉi tiu laboro li skribis siajn senmortajn verkaĵojn, fundamentaj kaj vojmontrantaj sur kampo de pedagogio. Li estis homamiko, „kiu volis konstrui la ŝtuparon de klerigo en la domo de la homaro, por ke la subpremitaj supreniru per propraj fortoj." Pri la eduko al moraleco kaj religieco li diris la plej gravan en la finleteroj de „Wie Gertrud ihre Kinder lehrt" (Kiel Gertrud edukas siajn infanojn), montrante kiel la travivitaj per kunesto kun la patrino sentoj — konfido kaj amo — kaŭzas, transigataj je homoj, la moralecon, kaj, transigataj je Dio, la religiecon de la infano. Post multaj travivaĵoj li transloĝiĝis en 1805 al Ifferten fondante popollernejon, en kiu li estis vizitita de multaj instruistoj el Germanujo kaj eksterlando. La 27-an de Februaro 1827 li mortis en Brugg. Sur lia tombŝtono estas legebla: „Savanto de la malriĉuloj — patro de georfoj — fondinto de popollernejo — edukinto de homaro — Homo — Kristano — Burĝo. — Ĉion por la aliaj, por si nenion."

Germana Gazetara Servo.

## Du gravaj Konferencoj.

Praha, la ĉefurbo de la Ĉeĥoslovaka Respubliko, havos internacian gastaron dum la paskaj tagoj. (16.—19. de April). Du konferencoj okazos samtempe, ĉiu el ambaŭ same grava por ni kiel instruistoj kaj esperantistoj.

**La venonta numero aperos komence de Aprilo.**

La unua, kunvokita de la Internacia Eduka Oficejo en Ĝenevo, estas paceduka konferenco kaj pritraktos la aktualan temon: „Al paco per lernejoj“. La programo enhavas la nomojn de pedagogoj el diversaj nacioj, kiuj parolos pri la problemo laŭ psikologiaj, instruadaj kaj edukadaj vidpunktoj. La aranĝo estas preparata kaj estrata de Prof. Pierre BOVET, la konata direktoro de la Instituto Jean Jaques ROUSSEAU en Ĝenevo, kaj tiu fakto garantias laŭsperte sciencan kaj praktikan gajnon al ĉiu vizitonto. La konferenco ne estas esperantista, sed pedagogia kaj paceduka; tamen Esperanto multe utilos kiel internacia interkomprenilo.

La dua konferenco okazonta samtempe estas la ĝenerala kunveno de la Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (T. A. G. E.). Nia faka Esp. mondorganizaĵo invitas siajn geanojn el ĉiuj landoj, por pritrakti gravajn pedagogiajn, fakajn kaj organizajn temojn. La ĝojiga evoluo de la Esp. movado nepre postulas pli grandan zorgadon por nia mondorganiza Asocio kaj fervoran agadon por nia faka gazeto Internacia Pedagogia Revuo.

Do — kiu vizitas Praha paske, havos duoblan gajnon per la du konferencoj. La subskribinto petas la gekolegojn el la Saksa kaj Germana Asocioj ke ili tuj sciigu lin pri eventuala aliĝo.

Walter Hahn, Gohlis-Dresden, Post Cossebaude
Prez. de la Asocio de Saksaj Esp. Geinstruistoj.

# Pli Detala Informo pri la Packonferenco.

La Packonferenco estos malfermota la 16. 4. 1927. Dimanĉe la 17-an ne okazos la kunvenoj de la konferenco. Je tiu tago 2 esp. centroj de nia respubliko aranĝas siajn kunvenojn je la 10-a.

Lunde kaj marde okazos la kunvenoj de la Packonferenco. Estas necese, ke la membroj de T. A. G. E. alvenu jam la 16. 4. Dimanĉe ni partoprenos la kunvenojn de C. A. E. kaj G. E. L. Ni varbos tie por T. A. G. E. Posttagmeze ni aranĝos la kunvenon de T. A. G. E., eble je la 2-a horo. Krom tio ni aranĝos kunvenojn post la kunvenoj de la Packonferenco. Ne estas eble, ke ni restu ankoraŭ merkrede en Praha.

La programo de nia kunveno ja estas fiksita en la n-o 1 de I. P. R.

Nun oni informis min, ke oni pritraktas la 50-procentan rabaton ĉe niaj fervojoj kaj senpagan vizon por ĉiuj fremduloj.

Oskoslov, Obec Ucitelska, Ĉeĥoslovaka Unuiĝo de Geinstruistoj proponas al la gekolegoj komunan malmultekostan loĝadon en la loĝejoj de la lernejo de altlernejaj studoj pedagogiaj. U. E. A.-komitatano s-ro Hromada promesas eble senpagajn kunvenojn. Mi estas certa, ke ni ricevos senpagajn kunvenojn en la lernejo de altlernejaj studoj pedagogiaj.

Supre nomita Unuiĝo de ĉeĥoslovaka geinstruistaro promesis partopreni ambaŭ entreprenojn.

Al la gekolegoj, kiuj petis la senkostan vizon, mi komunikas: Mi sendis vian petskribon al la supre nomita unuiĝo, kaj ili respondis jene: La gekolegoj devas peti la rabaton por fervojoj kaj senkostan vizon Saksujo ĉe konsulatoj en la sia lando, kiuj jam prizorgos la aferon.

Gekolegoj bonvolu sciigi min pri via partopreno.

Salutas Albin Neuzil,
prez. de T. A. G. E.
Olomouc-Neředin.

# Ĉefkunveno de la Asocio de l' Saksa Esperanta Instruistaro.

Okazis la 3-an de Januaro en Chemnitz. S-ro Otto, Plauen, farinte la jaran kaj kasan raporton, demetis la prezidantecon, ĉar la laboradoj por la Esperanto-lernejo Plauen kaj por la Vogtlanda gruparo tro okupas lin. Nova prezidanto post unuanima voĉdonado fariĝis s-ro lernejestro Hahn, Gohlis-Dresden. — Do la nova estraro konsistas el jenaj personoj: Prez.: W. Hahn, Gohlis-Dresden, Post Cossebaude. Kas.: K. Schönherr, Dresden-A 21, Schneebergstr. 35, Ĝiro Dresden 30560, Poŝtĉeko 112617 Dresden. Sekr.: R. Pietzsch, Meissen, Rauhentalstr. 7. Konsilantoj: P. Höfer, R. Protze, A. Sohrmann, M. Sykora, F. Thiel.

Posttagmeze s-ro Degen, Leipzig, faris modelan lecionon kun Chemnitz'aj infanoj kaj poste paroladon pri la rekta metodo. La asocio intencas denove eldoni la statistikon kiel 1925.

Oni ankaŭ decidis, apogi kaj viziti la konferencon en Praha, kiun kunvokas la Internacia Eduka Oficejo (Ĝenevo) sub la devizo: „PACO PER LERNEJOJ". Ĉe tiu ĉi konferenco, kiu okazos paske 1927, ankaŭ la nova prezidanto havos referaton. Ĉar samtempe TAGE aranĝos sian ĉefkunvenon en la ĉeĥoslovaka ĉefurbo, la aliĝo estas duoble rekomendinda. Hahn, Gohlis-Dresden.

# Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj.

## Ĉefkunveno

Paskon en Köln dum la 16-a Germana Esperanto-Kongreso.
Kongreskotizo: (malaltigita por instruistoj) 3.— M.

Tagordo:

I. Raportoj kaj elektoj.
II. Refzratoj kaj diskutoj:
1. La celoj de la instruista Esperanto-movado.
2 Jarlaboro de instruista Esperanto-grupo.
3. Rekta aŭ gramatika metodo.
III. Publika leciono kun ne-esperantistaj infanoj

Arthur Degen.

# XIX. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO DANZIG.

## (Dua informilo.)

**Adreso:** Ĉiuj leteroj estas adresotaj al la XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig.

**Aliĝo:** Ĉar por la bona prosperado de la porkongresaj laboroj frua aliĝo estas tre necesa, samideanoj estas petataj aliĝi kiel eble plej baldaŭ kaj pagi la kotizon. Rapidu aliĝi!

Ĝis 31. XII. 1926 aliĝis 53 gesamideanoj el 9 diversaj ŝtatoj.

**Kotizo:** Oni pagu al la „Danziger Privat-Aktien-Bank", Danzig. Konto: Esperanto aŭ per poŝtmandatilo aŭ per ŝtatbileto sendotaj per rekomendita letero al la XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig. (25 danzigaj guldenoj, aŭ 20 germanaj ormarkoj aŭ 1 angla funto aŭ 25 svisaj frankoj.)

**Blindula Kaso:** Dezirante helpi al la blinduloj okaze de nia XIX-an aranĝos sian VI-an Blindulan Kongreson en Danzig, L.K.K. starigis blindulan kason kaj petas pri mondonacoj.

**Fakaj kunvenoj:** L. K. K. estas jam informita, ke okazos kunvenoj de inĝenieroj kaj arĥitektoj, Ilepto, Teka kaj ĵurnalistoj.

**Loĝigo:** Sub-Komitato jam klopodas, zorgi pri sufiĉe da konvenaj loĝejoj. Ĉiuj aliĝintoj ricevos mendilojn. Kiuj ne volas utiligi la Kongresan Servon de UEA, tiuj nepre uzu la mendilojn de L. K. K. Detaloj sekvos.

**El la provizora programo:**
Ĵaŭdon, 28. VII. Interkonatiĝa vespero.
Vendredon, 29. VII.: a. m. Malfermo de la S. U.
p. m. vespera koncerto en Sankta Marien.
vespere: Malfermo de la XIX-a.
Sabaton, 30. VII. Prelegoj, Laborkunsido. Fakaj kunsidoj.
p. m. Ekskurseto al Oliva — Glettkau.
Dimanĉon, 31. VII.: a. m. Diservoj, Promeneja koncerto.
p. m. Gardenkoncerto.
Lundon, 1. VIII.: Prelegoj, Kongresa Fotografo, Fakaj kunsidoj.
vespere: Internacia balo.
Mardon, 2. VIII.: Fermo de la S. U. Fakaj kunsidoj.
p. m. Ekskurso al Zoppot. Oratora konkurso en la Kurac-Ĝardeno.
vespere Arbaropero germana.
Merkredon, 3. VIII., Tuttaga ŝipekskurso al Zoppot. Marborda festo.
Ĵaŭdon, 4. VIII.: Fermo de la Kongreso. Ekskurso al Marienburg, postkongresaj vojaĝoj.

## INTERNACIA ESPERANTO-SERVO — 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENEVE.

(El ĉi tiu kvarlingve en ĉiu monato regule aperanta informilo ni represas jenon):

### La Scienco kaj Esperanto.

En Ekstrem-Oriento le scienculoj pli kaj pli uzas esperanton. La observatorio de l' monto Taten, proksime de Tokio, ĵus publikigis en tiu ĉi lingvo sian ampleksan aerologian raporton por la jaro 1926.

Depost la lastaj jaroj japanaj medicinistoj aperigas sciencan ĵurnalon en Esperanto kaj japana lingvo „Psikiatrio“ pri la problemoj de psikologio kaj neŭrologio, sub la direkto de Dro. Junko Sibita de l' hospitalo Imura-Bioin de Hatagaya, proksime de Tokio.

### La Teknika Gazetaro kaj Esperanto.

La ĵurnalo de l' svedaj fervojistoj „Signalen“ publikigas regule rubrikon en Esperanto. La neŭtrala scienca organo stenografia „Deutsche Kurzschrift“ (Germana Stenografio), kiu aperas en Essen, enhavas en ĉiu numero resumon en Esperanto, por apliki la rekomendon de la internacia kongreso de l' teknika gazetaro, kiu konsilis al ĉiuj specialrevuoj tiel faciligi sian disvastiĝon en la eksterlando.

### Esperanto en la Poŝta Servo.

Ni jam menciis la uzon de Esperanto en la servo de l' rusa poŝto. Lastatempe la soveta poŝtadministracio eldonis* respond-kartojn kun teksto en rusa lingvo kaj en Esperanto.

### Princo Karlo de Svedujo kaj Esperanto.

Princo Karlo de Svedujo, la frato de princino Astrid, kiu edziniĝis al princo Leopold de Belgujo, estas fervora esperantisto. La Belga Ligo Esperantista, kiu estis adresinta al li bondeziran leteron okaze de lia Esperanto-ekzameno, ricevis la sekvantan respondon en Esperanto:

Stockholm, la 4-an de decembro 1926.

Sinjoro Prezidanto!

Akceptu mian koran dankon kaj tiun de miaj gepatroj por via afableco gratuli min al mia ekzameno. Mia rektoro diris, ke mi plene suk cesis, eĉ kun honoreto, sed mi ja scias, ke multe restas por mi por lerni. Nun mi ja devas labori en la aliaj lingvoj, kiuj estas tiel malfacilaj, ke ili prenas mian tutan tempon. Tamen mi gardos mian intereson pri Esperanto, kaj deziras al ĝi baldaŭan venkon. Bonvolu transdoni al la belgaj esperantistoj miajn bondezirojn!

Kore mi ĝojis pro viaj belaj vortoj pri mia kara fratino, tiel amplene ricevita de vi en sia nova hejmlando.

Kun estimo

Karlo.

# Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo.

## Ĉefaj Instruistaj Gazetoj.

„The Schoolmaster", (La Instruisto, laŭvorte: laLernejestro) semajna, Hamilton House, Mabledon Place, London W. C. 1. — Oficiala organo de N. U. T. (Nacia Unuiĝo de Geinstruistoj).

„The Schoolmistress" (La Instruistino, laŭvorte: la Lernejestrino) semajna, 149, Fleet street, London E. C. 4.

„The Teachers Would", (La Instruista Mondo) semajna, Montague House, Russel Square, London W. C. 1.

„The Plebs", (La Plebano), (Laboristara organo) monata, 162 A Buckingham Palace Road, London S. W. 1.

„The Labour Woman" (La Laboristino), enhavas Esperantan rubrikon, 33, Eccleston Square, London S. W. 1.

„The Labour Press Service" (La laborista Presservo) semajna, 33, 34, Eccleston Square, London S. W. 1.

H. Stay.

# EL BELGIO.

## Opinilibereco de belgia instruistaro.

En Belgio, kiel en multaj landoj, la instruistaro ne havas opinilibereco n. En jaro 1884 la klerikala registaro per oficiala cirkulero malpermesis al ŝtatsalajruloj (oficistoj, laboristoj, instruistoj ktp.) — krom katolikaj pastroj, kiuj tamen ankaŭ estis de l' ŝtato pagataj! — partopreni la politikan batalon. Tio signifas, ke la opinilibereco estis limigita je absolute pasiva aniĝo al iu partio. Fakte, kompreneble, tiu limigo nur ekzistas por la tiamaj kontraŭregistaraj partianoj!

La 13-an de Februaro 1896, la klerikala ministro de instruado, okaze de balotperiodaj agoj, memorigas al la geinstruistaro la cirkuleron de 1884 kaj proklamas, ke sian tutan tempon la instruistaro devas uzi por la lerneja afero kaj ke ĝi ne devas okupiĝi pri politiko. Atentinda estas la deklaro de ministro de instruado, s-ro Schollaert, dum kunveno de la parlamento la 17-an de Junio 1896, kiu konigas, ke tiuj cirkuleroj ne estas aplikeblaj por la „instruistoj adoptitaj" (t. e. la instruistoj oficantaj en privataj lernejoj

subvenciataj de la registaro), ĉar tiuj instruistoj ne estas ŝtatfunkciuloj kaj dependas de privataj entreprenoj. En grandega plimulto tiuj lernejoj estis konfesiaj kaj iliaj instruistoj politikaj agentoj de la klerikala partio.

Multaj ŝtatlaboruloj kaj inter ili multaj instruistoj estis viktimoj de tiuj reakciaj registaraj dekretoj.

De sia fondiĝo la „Centralo de Socialista Geinstruistaro" (Centrale du personnel enseignant Socialiste) postulis forigon nepran de tiuj cirkuleroj kaj plenan rajtegalecon politikan kiel ĉiuj civitanoj.

La milito „ĝojiga kaj freŝa" pasis! La demokratio fluegis en nia lando: la reĝo de 22-an de Novembro 1918, de la Parlamenta tribuno, promesis realigi diversajn reformojn kaj apliki kelkajn principojn. Inter ili estis:

1. egala voĉdonrajto je 21 jaraĝo por ĉiuj viroj,
2. sindikata libereco.

Tio supozigis al kelkiuj, ke la fama cirkuleroj de 1884 kaj 1896 estus forigataj, kaj dum sia ekstra kongreso de 1920 la „Centralo de Socialista Geinstruistaro" postulis la forigon de ili. La tiuepoka ministro s-ro Destrée (socialista!) — poste aprobita de la ĝenerala Konsilantaro de Belgia Laborpartio — respondis al postuloj subskribante novan cirkuleron, kiu starigas la statuton de la geinstruistaro rilate opinilibereco n.

Ĝi donas al la geinstruistoj la rajton, grupiĝi en sindikatoj, aliĝi al politika partio, aboni laŭvolan politikan ĵurnalon kaj uzi ĉiumaniere la rajtojn konsentitajn al ĉiuj Belgoj. Sed tuj sekvas limigaj kondiĉoj! La cirkulero de s-ro Destrée ne nuligas tiujn de 1884 kaj 1896. La Centralo de Socialista Geinstruista Geinstruistaro konsideras, ke ĝi estas pli danĝera ol la antaŭaj, ĉar ĝi estas pli dubsenca kaj ĝia aplikado dependas de interpretadoj plej dusencaj.

Interalie, tiu cirkulero permesis: 1. eloficigon de k-dino Berthe Kestemont kaj de k-do Paul Van Hamme pro komunista propagando eksterlerneja, 2. mallaŭdon al tri kolegoj, kiuj rifuzis ĉeesti patriotan ceremonion, kiam la ĉeestado ne estis deviga, 3. punon kontraŭ 2 kolegoj el Charleroi pro komunista propagando eksterlerneja.

La Centralo de Socialista Geinstruistaro en siaj ĉiujaraj kongresoj okupiĝis pri tiuj dekretoj kaj ĝi postulis la rajton por la instruisto propagandi ekster la lernejo ĉian filozofian aŭ politikan opinion, la rajton, plenumi politikan mandaton, se ne ekzistas laŭleĝa neakordigebleco, kaj en ĉi lasta okazo, permeson postuli sensalajran libertempon kun reenoficiĝo post forlaso de la mandato.

M. Van Aelst (SAT-an 155)
Bruxelles, 24, rue de Sévigné, Anderlecht-Brux.

# EL BULGARIO.

## Pri Kulpeco de Bulgara Instruistaro dum Murdoj de Blanka Teroro.

Por tiuj kamaradoj, kiuj ankoraŭ ne scias pri tiu bedaŭrinda demando, estas necese, per kelkaj vortoj memorigi faktojn ankoraŭ freŝajn en memoro de bulgaraj geinstruistoj.

Ekzistis antaŭ kelkaj jaroj ju komunista asocio de bulgaraj geinstruistoj, kiu estis aliĝinta al la sendependa internacio de l' eduklaboristoj. En momento de murdoj de reĝimo Cankov en Bulgario, tiu asocio estis ege persekutata, anoj estis malliberigataj, torturataj kaj eĉ murdataj. Antaŭ ol morti

aŭ malliberiĝi, la komunistaj geinstruistoj tre precize akuzis la Bulgaran Union de geinstruistoj, ke ĉi lasta helpis la registaron en la persekutado, liverante al ĝi la nomojn de la komunistaj geinstruistoj. Aperis akuzletero en franca gazeto „Emancipa lernejo" kaj dum kongreso de Eduklaborista Internacio en Bruselo (Aŭgusto 1924) oni decidis enketon, kiu ne povis efektiviĝi pro diversaj kaŭzoj. De tiam diversfoje la bulgara unio de geinstruistoj (ĝenerale socialdemokrata protestis kontraŭ tia akuzo, kiu disfamiĝis en tuta mondo, kaj eĉ antaŭ nelonge la organo de Eduk-Intern akceptis deklaron de la bulgara unio per ĝi sin senkulpiganta

Nun la komunistaj instruistoj en Bulgario komprenebie silentas aŭ eĉ eniris la vicojn de la Unio por sin ŝirmi kontraŭ persekutado. Iam certe estos konata la vero koncerne la respondantoj de la murdo de bulgaraj geinstruistoj. La du ĉi postaj leteroj estas ambaŭ akuzaj, kvankam defendantaj malsamajn vidopunktojn. Prezentante tiujn leterojn al ĉiulandaj gekamaradoj, mi neniel intencas ĵeti oleon sur fajron kaj pligravigi la situacion, mi nur deziras informi pri la afero, ĉar ĝis nun precizaj informoj mankis kaj la postaj leteroj estas la unuaj vortoj pri la murda temo, eldiritaj de kamaradoj restintaj en Bulgario; el la historio de la instruistaj murdoj ni, ĉiulandaj geinstruistoj, ĉerpu nian devon por la venonta socia revolucio, en kiu nepre kaj grave ni partoprenos.

### 1. Opinio de vilaĝa instruisto.

Kiam oni pritraktas la kulpecon de la Unio de bulgaraj geinstruistoj (unianoj kaj uniestroj) pri persekutado — eksigo kaj kondamno — de la komunistaj geinstruistoj, oni devas konsideri jenon:

Oni scias, ke „Bulgara Instruista Unio" estas sub la influo de la socialdemokratoj. Ĉiuj uniestroj estas tiaj. Kiam ekzistis la komunista instruista organizaĵo, ĉiuj instruistoj komunistaj aniĝis en ĝi. Tiam ĉie kaj ĉiel unianoj kaj komunistoj diskutis diversajn demandojn kaj fervore defendis siajn malsamajn vidopunktojn. Kompreneble ĉio ĉi konsekvencas malamon kaj malestimon inter ili. La samon oni povis konstati ankaŭ ĉe estroj de ambaŭ organizaĵoj.

Sed ankaŭ vere estas, ke ĉi suprecititaj diskutoj proksimigis kaj amikigis multajn instruistojn el la vilaĝoj (por kiuj tiaj diskutoj estis mensa festo) kvankam ili havis ofte malsamajn politikkredojn (ĉu socialdemokratoj, ĉu komunistoj). Malamikoj kiel politikistoj, ili estis amikoj kiel homoj kaj kolegoj. Amikecon inter unianoj legu: socialdemokratoj) kaj komunistoj firmigis ankaŭ la parenceco inter ili.

Konklude mi diros: la lastaj politikokazintaĵoj trovis la rilatojn inter la unianoj kaj komunistoj tre diversaj en la diversaj regionoj, urboj, vilaĝoj eĉ lernejoj. Aldone estis okazoj, kiam uniano estimas komuniston kaj alian komuniston li malestimas — la unuan li laŭpove defendis, la duan li laŭpove denuncis. Ekzistis ankaŭ okazoj tute inversaj. Entute oni povis vidi ĝeneralan malestimon inter unianoj kaj komunistaj instruistoj, sed detale konkrete ĉio estiĝis sur grundo de personaj rilatoj inter ili.

Sekvo — erare oni starigis la demandon pri kunkulpeco Vere estas, ke instruistoj denuncis, akuzis siajn kolegojn. Sed ne unianoj — komunistojn (se oni konsideras la ĝeneralan situacion), kaj tiuj kiuj malamikiĝis kaj malestimiĝis, eluzante favorajn momentojn politikajn, penis domaĝi unu la aliajn — sendepende de siaj politikkredoj. Estas ankaŭ okazoj, interdomaĝis sin sampolitikkreduloj.

Oni devas starigi la demandon tiel:

Ĉu geinstruistaro estas kunkulpa pri persekutado kaj eksigo de instruistoj — precipe de la komunistaj instruistoj —? Kaj bedaŭrinde, oni devas respondi: jes! Kaj mi ripetas: oni trovis ĉi tiun kunkulpecon nur tie, kie regis persona malamo kaj malamo kaj malestimo inter geinstruistoj kaj oni vane serĉadus ĝin (kunkulpecon) tie, kie regis konkorda amo kaj estimo inter ili.

Tiuokaze, ĉu unianoj estas kulpaj pri persekutado de instruistoj komunistaj? Jen estas la respondo al ĉi tiu grava demando:

Unianoj estas tiom kulpaj, kiom ĝenerale kunkulpa la tuta geinstruistaro pri trafintaj ĝin malfeliĉoj.

**Konkludo:** La geinstruistaro en Bulgario ne povas defendi sin mem eĉ kontraŭe ĝi interdomaĝis sin mem. Vere bedaŭrinde. Eble iu demandos pri kialoj de supra fakto. Kialoj estas multaj:

1. Ekzistado de la diversaj organizaĵoi instruistaj kun malsamaj politikaj kaj sindikataj komprenoj.

2. Superfluo de geinstruistoj, kiuj por esti oficigataj en la malmultaj vakaj instrupostenoj ne e ektas rimedojn. Lastatempe tiu ĉi fakto estas unu el la gravaj kaŭzoj por malamo inter la geinstruistaro.

3. La nun reganta registaro (kiel oni diras pri ĝi „profesora registaro") malmultigis la instrupostenojn entute por ĉiugradaj lernejoj per unu kvinono — pleje progimnaziajn geinstruistojn, malpleje gimnaziajn kaj unuagradajn.

4. Nia lando tre malfruigis (escepte kelkajn regionojn) sian kulturan evoluadon - precipe nia vilaĝo kaj la instruisto kiel unua kulturpioniro estas tro persekutata de la vilaĝaj aŭtoritatuloj — preskaŭ ĉiuj malkleruloj kaj malnoblaj politikistoj — kiuj sperte scipovas utiligi

5. la paragrafon 70 de la leĝaro por popola instruado, per kiu oni persekutas instruistojn pro ilia politikkonvinkoj, kaj oni povas facile eksigi iun ajn.

De ĉi tio oni konkludos tiel pri kialoj por kunkulpeco de la geinstruistaro, kiel pri la kulpintoj por la persekutado instruista.

Ĉio ĉi dirinta koncernas la malsupraĵan amason instruistan. Kiam la demando koncernas la supraĵon (estrojn) ĝi ŝanĝiĝas. La estrojn gvidas la politiko, la principa malsameco de la ideoj. Bulgara instruisto vilaĝa.

## 2. Kulpeco de Instruista Unio.

Kamarado X. sendas al vi sian opinion pri kunkulpeco koncerne la murdon de la bulgaraj komunistaj geinstruistoj, sed mi ne konsentas kun li. Li tre supraĵe observas la aferon, li tiel opinias kaj eble por si mem estas prava. — Faktojn skribajn pri la kunkulpeco de la unianoj mi ne povas sendi, ĉar ne estas eble. Sed estu certa, ke la akuzletero de Lambi Kandev sendita al Eduk-Intern antaŭ du jaroj estas ĵusta kaj prava. Ĝi povas esti kompletigata, sed estas ankoraŭ tro frue. Estas gvidantoj en Sofia, sed la adresojn mi ne scias. Kiam mi ekscios ilin, mi tuj sciigos ilin al vi. Ili plej detale povos informi. Al ni en la provinco tio ne estas ebla. Mi povas citi nur du faktojn pri la kunkulpeco de la unianoj.

Antaŭ 2 jaroj okazis regiona instruista konferenco en Pleven. Inter aliaj referatis ankaŭ la redaktoro de „Soznanie", **Ivan Pastuhov,** socialdemokrato, pri jena temo: „La ŝanĝoj en la programo de la publika instruado". En la unua parto de sia referato li esprimis miron, kiel estas ebla, ke unu profesoro kiel **Cankov** povas enkonduki en la programon tiajn reakciajn ŝanĝojn, ekzemple pri religia instruado en lernejoj de pastroj — kaj li ne povis klarigi al si mem la kaŭzojn. Prenas la parolon maljuna instruisto gimnazia, iama uniano, nuna agrikulturano (agrarano) kaj en sia kritiko li diris, ke malantaŭ Cankov sidas la militistara ligo kaj la pastraro, kiuj devigas lin fari ĉi reakciajn ŝanĝojn. Ĝis la vespero Pastuhov revenis en Sofia kaj je alia tago la maljuna instruisto pro sia vortoj telegrafe estis eksigita kaj estas for de la lernejo ĝis nun.

Alia fakto. **Grigor Vasilev,** parlamentano de la demokratia unuiĝo, la nun reganta partio, diris en la parlamento antaŭ du jaroj direktante sin al la socialdemokrataj deputitoj: „sinjoroj, la aŭtoritato ne povas scii kaj koni ĉiujn komunistojn. Vi tion scias kaj faciligos la aferon al la aŭtoritato". Kaj ili faris ĉion eblan tiurilate. Grandaj kaj malgrandaj unio-gvidantoj diradis al ĉiuj ne-organizitaj geinstruistoj: „Fariĝu uniano kaj vi estos savata", kaj se ne fariĝas uniano, ili akuzas lin je komunismo.

Laŭ mi tiu sufiĉas pri la kunkulpeco. Statistiko de instruistoj, viktimoj ne estas ebla. Estas mortigitaj instruistoj dum la lastaj okazintaĵoj, sed ilian nombron neniu scias. Ankaŭ ne estas konata la nombro de la eksigitoj. Estis eksigitaj pli ol 2000, sed multaj el ili poste estis reoficigitaj kaj nun restas tre malmulte ekster la lernejo. —

Prava estas la kamarado X., dirante, ke la instruistaro mem ne povas sin defendi. Nun la avangarduloj estas en la Unio, sed ne por ĉiam. Alia parto eniris en la novan progimnazian union kaj la espero estas je ĝi.

Bulgara instruisto progimnazia.

# EL GERMANIO.

## Nova vojo al popollerneja organizo en la urbŝtato Hamburg.

La germana lernejaro laŭkonstitucie baziĝas sur la kvarjara fundamenta lernejo, starigita de speciala regna leĝo en 1920. Sur tiu fundamento baziĝas la meza kaj supera lernejaroj. Posta leĝo de 1925 permesas esceptojn de la origina fundamentlerneja leĝo. Post registara permeso altgrade laborkaplablaj gelernantoj povas esti akceptataj de la meza kaj supera lernejoj jam post trijara vizitado de la fundamentlernejo.

Inter la limoj de la leĝoj kaj popollernejaj celoj oni serĉis diversajn vojojn al supera klereco por la talentuloj restantaj en la popollernejo post la kvar fundamentlernejaj jaroj. Oni formis en la superaj lernejoj tiel nomatajn transirajn klasojn, kies anoj, talentaj popollernejanoj, sur facile irebla vojo poste transiras la superajn gimnaziklasojn.

Ankaŭ estis unuigitaj post la kvara lernejaro lingvotalentaj lernejanoj en fremdlingvoklasoj interne de la popollernejoj ĉe instruado senkosta, laŭkonstitucie en la tuta regno ja ne ekzistas popollerneja kotizo. Plue estis fondata la „surkonstrua" lernejo kondukanta post sep popollernejaj jaroj la talentulojn tra supera lernejo en la formo de germana liceo al la poruniversitata matureco.

Post la ĉesigado de la fremdlingvoklasoj oni organizis la 1-an de Aprilo 1924 interne de la popollernejoj specialajn superajn klasojn por talentaj gelernantoj, la tiel nomatan „Suprokonstruaĵon".

La hamburga popollernejo nun ampleksas:

a) la fundamentlernejon kun la kvar malsupraj klasoj komunaj por ĉiuj infanoj. (Sur tiu lernejo baziĝas la meza kaj supera lernejaroj).
b) la kvar suprajn klasojn por la infanoj enirontaj post la oka lernejaro la laboristan vivon kaj la porprofesian lernejon.
c) la „suprokonstruaĵon" kun la klasoj II-a, II-a, I-a.

Tiuj klasoj ampleksas gelernantojn de la oka ĝis la deka lernejaroj, kiuj post la finiĝinta sepa lernejaro pruvas volon kaj kapablon al kontentigaj progresoj en la germana kaj angla lingvoj kaj matematiko. Ili atingas la maturecon rajtigan al la eniro en la mezajn speciallernejojn, kiuj preparas siajn anojn por la mezaj laborlokoj en mezaj industriaj kaj komercaj kaj metiaj entreprenejoj.

Antaŭenhelpado al la talentuloj, ĉefideo de la postmilita lernejo, estas la motivo kaj la celo de tiu nova organizaĵo. Tiu ebligu al la popollernejanoj la antaŭeniĝon en la vivo, garantiante al ili la eblecon al posta pliklerigo. Tiun garantion ricevas ankaŭ la gelernantoj pro ekonomiaj aŭ aliaj motivoj de la supera lernejo reiĝintaj al la popollernejo. Malgraŭ la reiĝo la vojo al la supera instruiteco restas libera por ili.

La suprokonstruaĵon oni organizas precipe en la lernejoj, kies aranĝoj por metilabora instruado respondas al la postuloj malmoderigitaj, ĉar gelernantoj teknikotalentaj estu speciale progresigitaj en centrosituaj lernejaj metiejoj kaj kursoj por metilaboro, kudrillaboro, desegnado kaj skrib- kaj literartoj.

La sukcesaj vizitintoj al la suprokonstruaĵo rajtas viziti la ŝtatajn teknikajn lernejojn. (superajn lernejojn por maŝinkonstruado, elektrotekniko, ŝip- kaj ŝipmaŝinkonstruado, ŝipinĝenier- kaj ŝipmaŝinistlernejojn, superan lern-

ejon por konstrumetioj), la superan komerclernejon, la ŝtatajn lernejojn por virinprofesioj ktp., ili rajtas ankaŭ allasiĝi al la meza administradoficio.

La lerneja rajtigado estas la plej grava punkto ĉe la organizo, ĉar la granda nombro da infanoj vizitantaj la superajn lernejojn en la germanaj grandaj urboj estas ne normala. Tial ankaŭ granda parto de la gimnazianoj ne restas plu en la instruejo ĝis la atingo de la atesto pri (poruniversitata) matureco. Ili forlasas la gimnazion post ses aŭ sep lernejaroj, atingante per tio specialan ateston pri la tiel nomata „meza" matureco, ateston plifaciligantan la eniron en la laborvivon. Kaŭze de tio pli kaj pli la popollernejo iĝas instruejo evitenda. (En 1915 la hamburgaj superaj lernejoj havis 7723 gelernantojn en 217 klasoj, en 1925: 12546 gelernantojn en 443 klasoj). Nun la malestimata popollernejo havas taŭgan varbilon al meritata ŝatateco. Sed la nova organizaĵo devas resti parto de la popollernejo, kaj ne iĝi aparta popollernejo, per tio detruante la laŭkonstitucian unuecan komunan popollernejon.

Tial la hamburga instruista unuiĝo ĝuste decidis jenon:

1. ĝi postulas, denove ne aprobante ĉian formon de aparta meza popollernejo kiel en Prusujo, la unuecan organizaĵon de la popollernejo post la oka lernjaro ĝis la deka. Transiro al tiu suprokonstruaĵo antaŭ la finiĝinta sepa lernejaro estu sen escepte malpermesita.

2. a) En la suprokonstruaĵo estanta kaj restonta parto de la popollernejo kaj ne ĉiam organizenda en la sama lernejo ne okazas ia apartigado (ekz. per atesto aŭ pli alta salajro) de la suproklasaj geinstruistoj de la tutaĵa popollerneja instruistaro.

b) Specialaj kursoj por suproklasaj geinstruistoj ne estas provataj.

c) La popollerneja memadministrado rajtas instali la ĉefajn kaj aliajn geinstruistojn por la suprokonstruaĵo.

3. a) Ĝenerale okazas la eniro de la taŭgaj anoncitaj lernejanoj en la suprokonstruaĵon sen ekzameno. Malgraŭ tio okazas elektaĵo de la popollerneja kolegio tiamaniere, ke nur bonaj progresoj rajtigas la gelernantojn por la transiro. Ĉe duboj kaj disputoj estas decida instanco la komitato, kiu estas formata por tiu celo, interne de ĉiu lerneja grupo.

b) La instruistoj en la komenca suproklaso rajtas kaj devas dum la unua duonjaro eligi el ilia klaso ĉiun lernejanon netaŭgan laŭ ilia opinio post kiam la kolegio prirespondonta la akcepton de la lernejano estas dirinta sian opinion.

4. Sur la bazo de la politikaj ĉirkonstancoj de la proksima estonteco oni devas postuli rilate al la tiel nomataj lernejaj rajtigoj jenon:

a) La organizado al la popollerneja suprokonstruaĵo rezultigu, ke la supera lernejo povu doni nur la rajtojn komunikitajn kun la poruniversitata matureco (abiturienteco).

b) La atesto pri la suprokonstruaĵa matureco rajtigas por aniĝo en la mezajn profesiajn lernejojn kaj la mezan administradoficion.

c) Se regna leĝo enkondukus neatendite mezan maturecon, ĝin ricevu ankaŭ la lernejanoj de la suprokonstruaĵo post sukcesa vizitado de la lasta suprokonstruaĵa klaso.

Schneller, Leipzig.

## La venonta leĝprojekto de Regna Lerneja Leĝo.

Ree la germana instruistaro staras antaŭ projekto de regna lerneja leĝo. La lasta projekto en jaro 1925 estis nuligita, antaŭ ol registaro kaj parlamento povis diskuti ĝin. La kontraŭdiroj en la publiko estis en tiom granda nombro, ke la projektintoj ne riskis defendi sian laboron. La regna parlamento ja ankaŭ antaŭ la mondmilito tre malofte havis debatojn pri kulturaj demandoj, ĉar estis kaj estas afero de la federacianoj, prizorgi la kulturon de ĉiu speco. Tial ankaŭ en la registaro de la germana respubliko ne ekzistas ministro de publika instruado; la instruaj aferoj dependas de la ministro de la internaj aferoj.

La artikolo 146 de la Weimara konstitucia leĝo rajtigas la regnajn registaron kaj parlamenton al regna lerneja leĝo per jenaj frazoj:

„Sur por ĉiuj komuna fundamentlernejo estas konstruataj la meza kaj supera lernejaroj. Ĉe tiu konstruado estas aŭtoritata la diverseco de la profesioj; la akcepto de la infanoj ĉe iu lernejo dependas de iliaj kapabloj kaj emoj, ne de la gepatraj ekonomia kaj laŭranga pozicioj aŭ religia kredo.

Tamen en la komunumoj estas organizendaj laŭ la propono de la edukrajtigitoj popollernejoj de iliaj religia kredo aŭ mondpercepto en la kazo, ke per tio laŭorda lernejofunkciado, ankaŭ en la senco de la antaŭirintaj ordonoj, ne estas malhelpata. La volo de la edukrajtigitoj laŭeble estas atentenda. La pli detalajn ordonojn faras la federaciana leĝdonado laŭ la principoj de regna leĝo".

Tiun ĝis nun ne aperintan leĝon ni nomas regna lerneja leĝo. La trian fojon estas leĝprojekto pretigata en la regna ministrejo de la internaj aferoj, kaj oni diras, ke ĝi la proksiman tempon estos transdonata al la publiko. Al la regna kabineto ĝi ankoraŭ ne estas prezentata. La leĝprojekto proponas tiel nomatan principoleĝon. Pri la ĉefa enhavo de la projekto oni diras jenon:

La lernejo de la artikolo 146 en la konstitucia leĝo estas (komuna fundamentlernejo) fiksita laŭprincipe kiel normala lernejo.

Sed la antaŭranga pozicio de tiu lernejo ekzistas nur en la teorio, ĉar la projekto lasas al la federacianoj la decidon pri la karaktero de la lernejoj. La federacianaj registaroj fiksu post la validiĝo de la regna leĝo, kiuj el la popollernejoj de ilia ŝtato estu lernejoj komunaj (simultanaj) aŭ lernejoj por anoj de ĉiuj konfesioj kaj mondperceptoj; 2. lernejoj por anoj de unu konfesio; 3. lernejoj por anoj de unu mondpercepto. La komunumoj laŭeble partoprenu tiun fiksadon. Post tiu fiksado lernejoj konfesiaj aŭ mondperceptaj povas esti fondataj nur laŭ propono de edukrajtigitoj. La konstitucia leĝo postulas la komunan lernejon por ĉiuj kiel normallernejon, apud kiu laŭ propono povas esti fondataj la specialaj lernejoj. Kontraŭdirante tion la leĝprojekto starigas la tri lernejospecojn, egalrajtaj unu apud la alia.

Tial ke la konstitucia leĝo pro la ĝenerala normlernejo ne fiksas proponan proceduon, kio ja estus tute absurda por ĝenerala normlernejo, neniuj konfesia aŭ mondpercepta lernejoj povos esti aliigitaj al komuna (simultana) lernejo post la unua fiksado de la lernejospecoj. Poste komunaj lernejoj povos ekesti nur kiel novaj fondaĵoj. La efikojn de tia procedo en la sudŝtatoj Bavarujo, Virtembergo, Badeno kaj ankaŭ en Prusujo oni povas antaŭdiri preskaŭ certe. En efektiveco laŭ la leĝprojekto la konfesia lernejo estas igata ĝenerala normlernejo, sed la laŭkonstitucia komuna lernejo en la tuta regno forte subpremata.

Rilate al la aliaj kondiĉoj (laŭorda lernejofunkciado) ĉe organizado de specialaj lernejoj estas rimarkata en la nuna projekto kompare kun antaŭirintaj projektoj progreso, ĉar la lernejo, de kiu debranĉiĝas laŭ propona lernejo, estu gardata pro sia organizo kaj sia instrukapableco laŭeble. Ekzemple oni opinias esti eble, ke de okklasa lernejo debranĉiĝas unu, du aŭ tri klasa lernejo, sed nur ĉe la supozo, ke la origina lernejo estos restanta almenaŭ sep- aŭ ses-klasa.

De la kred-lernejo la lasta (nuligita) projekto postulis, ke „la tutaj instrukaj eduklaboroj estu portataj de la spirito de la konfesio". La nova projekto limigas la laŭkonfesian rajton, postulante ĝin nur ĉe la religiinstruo. Oni ankaŭ ne trovas plu la ordonojn pri lernejinspekto, ekleziaj inspektrajtoj, religiaj ekzercoj, tradiciaj ritoj, kiuj troe ekzistis en la nuligita projekto kaj igis la ŝtaton vere la policisto, la instruiston la servisto de la eklezio.

Estas ja vere, ke la nova projekto ne dekretas eklezian kontrolrajton, sed ĝi lasas al la federacianoj liberan elekton pri ordonoj, laŭ kiuj la religiasocioj rajtas konvinkiĝi, ĉu la religia instruo sekvas iliajn principojn. Tio kontraŭas la konstitucian leĝon, kiu ĉe la ordono pri la religiinstruo tre klare parolas la ŝtatan kontrolrajton, kaj tio por ĉio denove atentigas la germanan instruistaron pri la danĝeroj de ĉiuj leĝprojektoj de vere necesa kaj kulturgrava regna lerneja leĝo. Antaŭ la granda leĝdonada horo la instruistaro devas urĝe postuli, ke la regno kreu unuecan regnan lernejon, la lernejon de Weimar. La ŝtato devas edukigi en siaj lernejoj antaŭ ĉio taŭgajn ŝtatanojn aŭ doni komunan por ĉiuj, mondpercepte neŭtralan, neeklezian kaj necesan fundamenton de la ŝtatana klerigo kiel bazon de ĉiu edukpenado. La ŝtato neas siajn proprajn devojn kaj pereigas sin mem, se ĝi cedas siajn proprajn organizaĵojn al la mondperceptanaroj. Se ĝi faros tion la popolo ne plu havos ŝtatlernejon aŭ popollernejon, tiam nur ekzistos gruplernejo ĉiam stimulanta al malgajigaj, pedantaj lernejbataloj, al „ĉaso al infanoj“.

Schneller, Leipzig.

## La nova Porinstruista Instruado en Urbŝtato Hamburg.

La laŭkonstitucia porinstruista instruado ĝis nun okazas en jenaj germanaj federaciaaj ŝtatoj: Saksujo, Turingujo kaj Heslando. La kvara ŝtato ema progresi en la popolklerigo per kiel eble plej bona porinstruista instruado estas Hamburg, kies registaro kaj parlamento estis donantaj jenan leĝon:

1. Antaŭ la instruado geinstruistoj enoficigendaj laŭplane en la popollernejojn estu pruvintaj la poruniversitatan maturecon (abiturienteon).

2. La profesiinstruiteco necesigas minimume tri universitatajn jarojn dum kiuj la studento ankaŭ havigu al si la praktikopedagogian instruitecon bezonantan ĉe la enoficiĝo.

La instruado finiĝas per ekzameno kun jenaj fakoj edukscienco kaj ĝiaj helpaj sciencoj, laŭvola laborfako de la scienca, arta kaj teknika specoj kaj krom tio praktikopedagogiaj kapablo kaj instruiteco.

La detalaĵojn ordonos la ekzamena regularo.

Ekzamena sukceso kapabligas iun al la popollerneja enoficiĝo kiel subinstruisto. Por la laŭplana enoficiĝo necesas sukcesi duan ekzamenon. La ekzamenaj regularoj estos farataj de la lerneja administristaro.

3. La instruejoj necesaj estu organizataj de la ŝtata universitato Hamburg kaj la ŝtato mem.

4. Tiu leĝo validiĝos la 1 an de Aprilo 1927. La saman tagon nevalidiĝos plu ĉiuj kontraŭleĝaj ordonoj de 1870 kaj 1876.

Schneller, Leipzig.

# El diversaj landoj.

## ANGLUJO.

### Eksteraj Ekzamenoj. (Simpozio).

Ĉe la ĉiujara Konferenco de Edukaj Komitatoj, kiu okazis je lasta Junio, la jena rezolucio estis konsentata:

„Ke tiu ĉi Asocio asertas, ke estas dezirinde, ke la infanaro ĉeestanta ĉe la publikaj unuagradaj lernejoj estu ekzamenata pri la ĉefaj temoj instruadaj, almenaŭ unufoje dum la daŭro de ilia unuagrada edukado, kaj lokaj aŭtoritatoj tial estas konsilataj, starigi tiajn ekzamenojn“.

## La vidpunkto de la „Nacia Unuiĝo Geinstruista" al la supra rezolucio. (National Union of Teachers).

(La suba artikolo prezentas la vidpunkton de grandega plimulto da geinstruistoj. Ĝin oficiale provizis la „Nacia Unuiĝo Geinstruista").

La plano de agado de la Nacia Unuiĝo rilate al lernejaj ekzamenoj kristaliĝis en la rezolucion konsentatan ĉe la ĉiujara Konferenco je Pasko 1926. „Ke ĉi tiu Konferenco denove asertas emfaze la opinion, ke reiro al la sistemo de individua ekzameno infana, de kiu ajn aĝo, estus malprogresa kaj neinstrua plano, ĉar la forigo de ĉi tiu sistemo plene estas pravigita de la rezulta granda progreso en instrua celo, metodo kaj produkto".

## Malprogresa plano.

La ekzamena sistemo kiel metodo en la infana instruado sufiĉe vaste estas uzita kaj esplorita, doni kialojn por la plej severa kondamno. Ĝia funkciado en la pasinteco malfavore tuŝis la amplekson, tujan celon, ĝeneralan laboron kaj finan celon de l' instruaj agadoj en lernejoj. Ekzamenoj metis falsan emfazon sur la meĥanikojn de instruo, detenis la impulsojn al pli larĝa kaj pli libera energio kaj enmetis akrecon en instrumetodojn, kiujn, eĉ la nunaj protagonistoj por ekzamenoj, profesas evitindaj. Neniu timas, ke laŭ nunaj kondiĉoj ekzamenoj povas esti altrudataj kun ilia tuta pasinta infaneco. Iliaj akrecoj tamen estas konfesitaj, „maksimumo de penado" minacas kaj la kunaĵoj de la malnova sistemo, laŭgrade, neeviteble aperos en la nova.

Estas afero historia, ke la plej rimarkindaj atestaĵoj pri instrua malvolviĝo, pedagogia eksperimento kaj humanaj instrumetodoj aperis ne dum la funkciado de la ekzamena sistemo, sed depost ĝia forigo. Ekzamenoj apartenis al periodo de nacia eksperimento instrua. Ili produktis streĉiĝon kaj premiĝon en la lernejo, la naturaj rezultoj de devigo kaj deteno eksteraj. Rememorante ĉi tiun sperton, estas nenia ebleco ke la Unuiĝo helpos resurmeti (restarigi) sistemon, kiu tendencas al la sama stato.

## Tordiĝa influo sur instruado.

La proponoj de la Asocio de Edukaj Komitatoj enhavas ne nur „kompetentecajn" ekzamenojn, sed „kompetentecajn" ekzamenojn karaktere unuformajn. Jen kuŝas duobla kontraŭaĵo. La Unuiĝo neas ke ekzameno ekstere surmetata estas uzebla kiel kriterio de la instrua kompetenteco en iu lernejo. Unue, ili distingas inter edukado kiel ampleksa termino kaj instruo en unuopaj temoj. Bonega sukceso en sola temo ne indikas la atingon de ampleksa bonegeco. La rezultoj eble estas iluziaj, rilate al la tuto. Estas multo en la edukaj agadoj de lernejo, kiu ne estas mezurebla per la krudaj metodoj de konvencia provo. Sed se la aŭtoritatoj decidas, ke ĝenerala instrua kompetenteco estas mezurebla per provo de limigita apliko, la danĝero, ke la ekzameneblaj temoj superregos la energion de instruistoj kaj lernantoj, estas aŭ devus esti evidenta.

## Trompa normigo.

Plue, la metodoj, kiuj produktos tiajn rezultojn, ne estas necese la metodoj, kiuj kaŭzos en infanoj la pravan senton al lernado kaj penado. Ilia efiko

eble estos repela pli ol alloga. Due, unuforma provo tuŝos normigon, kiu vere ne rilatas al la varia lernprogramo, varieco de organizo kaj malsamaj ĉirkaŭaĵoj kaj hejmoinfluoj, kiuj troviĝas en iu distrikto. Se ekzamenoj havas edukutilojn, ili devas esti taŭgaj al la laboro kaj kapablo de la lernantoj, al kiuj ili estas aplikataj. Unuforma provo ne povas plenumi ĉi tiun bazan kondiĉon. Ju malpli nombro da temoj ekzamenataj, des pli falsa estas la pretendo, ke ekzameno povas taksi ĝeneralan komeptentecon: ju pli granda nombro da temoj ekzamenataj, des malpli utila kaj taŭga estas unuforma provo.

(Daŭrigota.)

# EL SOVETIO.

## Pri vivkosto kaj instruista salajro en Sovetio.

Geinstruistoj en USSR ricevas diversajn salajrojn. Amplekso de salajro ĉiujare estas fiksata en kolektiva laborkontrakto inter Regiona sindikato de kleriglaboruloj kaj Regiona fako de popolklerigo.

Komencantaj geinstruistoj (ĝis 3 jaroj de praktiko) ricevas po-monate 33 rublojn, geinstruistoj kun praktiko pli ol 3-jara ricevas 40—60 rublojn. Krom tio ni ricevas 10% por loĝejo. Nia salajro estas tre malgranda, ĉar nia lando post multjara absolutismo, civitana milito, malsatmizero en 1921 ankoraŭ estas tre malriĉa, sed ni esperas, ke kun fortikiĝo de l' ekonomia situacio en USSR, ni ricevos pli grandan salajron.

Por pli bona kompreno de la salajro mi komunikas kelkajn vivokostojn de nia loko:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Tritika faruno | (kilogramo) | 0,13 — 0,15 | rubl. |
| Viando | „ | 0,35 — 0,45 | „ |
| Butero | „ | 1,50 — 1,75 | „ |
| Ovoj | (deko) | 0,55 — 0,65 | „ |
| Lakto | (litro) | 0,15 — 0,17 | „ |
| Terpomoj | (kilogramo) | 0,03 | |
| Hejtlignaĵo | (kub-metro) | 2,— | |
| Loĝejo sen manĝo | (po-monate) | de 3,— — 8,— | „ |

1 rublo egalas proks. 1/2 uson. dolaron.

M. Kojevnikov.
V-Ŝajtansk — Ural, USSR.

# MOVADO EN POLIO.

Okaze de la grandnombra ĉeestado de instruistaro Zakopane Pollanda Esperanto-Delegitaro organizis en januaro du prelegojn de prof-o Bujwid pri: „Lingvo de kvin partoj de l' mondo", du ekspoziciojn esperantajn de s-o Ziomek kaj du kursojn de li gvidatajn. Prelegojn kaj ekspoziciojn partoprenis ĉirkaŭ 200 geinstruistoj, tiom da lernolibroj venditaj; en kursoj lernas 33 personoj.

Slawek.

## Movado en Ĉeĥoslovakujo.

Tutrespublika asocio de geinstruistoj en Ĉeĥoslovakio malfermis ĵus pedagogian seminarion de altlernejaj studoj por la instruistaro de centra kaj norda Moravio. En la seminario prelegos universitataj profesoroj kaj fakuloj de novaj metodoj. Programo: Filozofio 18 horojn. Pedagogio: 19 horojn Higieno kaj aliaj. La praktikaj ekzercoj okazos en diversaj laboratorioj.

Nun tuj la unuaj docentoj rekomendis al ni multajn verkojn en angla, franca kaj germana lingvoj. Kaj ni staras ĉe la barilo. Malmultaj de ni povas eĉ nur legi verkojn en la nomitaj lingvoj. Ĉu ne estus preferinde krei esperantajn libertempajn koloniojn por geinstruistoj, en kiuj famaj profesoroj de la universitatoj prelegus nur la plej novajn aferojn? Ni ne perdus tiom da tempo kaj povus kapti la plej bonajn kaj novajn instruojn en tre agrabla maniero. Tuj dum la unua prelego postulis s-ro distrikta inspektoro Fr. Merta kaj kelkaj gekolegoj, ke mi instruu al ili Esperanton. Tion mi tre volonte faros.

En la apuda distrikto Přerov rekomendis nova inspektoro, Dro. Rozhold, ke la geinstruistoj lernu Esperanton, faru ekzamenojn kaj li enkondukos Esperanton en la burĝajn lernejojn Ankaŭ nia inspektoro Sro. Pelíšek kaj inspektoro de distrikto Litovel, Sro. Černý, estas favoraj al nia afero. Malrapide sed certe kreskas nia afero. Albin Neužil.

## LUMBILDOJ KAJ FILMO EN LA LERNEJO.

### El Svedio.

En nia lando, Svedio, ni havas apartan revuon por lerneja filmo, „Svensk Skolfilm oel Bildningsfilm“, kaj multaj lernejoj uzas filmojn en la instruado. Sur la kamparo multaj malfacilaĵoj malhelpas la uzadon de l' lerneja filmo, sed nuntempe en ĉiuj lokoj estas montrejoj por filmoj. Ofte instruistoj petas la helpon de la posedantoj de ĉi tiuj montrejoj kaj ili montras al la infanoj lernejajn filmojn.

Pli facile estas montri lumbildojn. En mia propra lernejo mi uzis lumbildojn por geografia instruo. Nun ni havas bonajn aparatojn por montri bildojn de bildkartoj, el libroj, de floroj ktp. . . ; la lumbildmaterialo estas pli malmultekosta, sed la aparato kostas 3 – 4 cent kronojn. Mi mem nun volas aĉeti tian aparaton. Mi mem aĉetos ĝin, ĉar la lerneja kaso ne pagas ĝin kaj ĉar filmoj kaj lumbildoj estas bonegaj helpiloj por la instruado. Per Esperanto mi ricevis, ricevas kaj ricevos multe da materialo: poŝtkartojn ilustritajn, bildojn el gazetoj ktp . . . , kaj miaj infanoj samtempe sur la muro vidos kaj spirite travojaĝos la belegan mondon.

Fritiof Ahnfeldt, Torskors. Sverige.

## LEGOFRUKTOJ.

Sub ĉi tiu rubriko ni intencas aperigi ĉiujn ensenditajn legofruktojn. Ĉi tio estas instigo de k-o Walther Hahn, estro de la ESPERANTO-ASOCIO DE SAKSAJ GE-INSTRUISTOJ, Gohlis-Dresden, Post Cossebaude, Germanio, — kiu skribas: „La aldonitaj legofruktoj taŭgas tre bone por represo en INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO. Oni povus instigi la gekolegojn, ensendi legofruktojn, kaj per tio la intereso kaj la kunlaborado de la gekolegoj pligrandiĝos“. — Ni petas la kolegojn, agi laŭ ĉi tiu propono, ĉar ĝi estas bona kaj k-o Hahn estas prava.

Red.

**Legofruktoj, senditaj de W. Hahn, Gohlis-Dresden:**

1. Kio estas vera, estas nek bona nek malbona, sed simple vera.
2. Nur la malfortuloj ne riskas, esti justaj.

(El „Hejmo kaj Mondo“ de Rabindranath Tagore).

## DONACO AL LA GAZETO.

SVEDIO: K-o Ahnfeldt donacis 2 sved. kr., por kio ni kore dankas. Ĉi okaze ni atentigu la abonantaron, ke la abonprezo de 2,50 M kondiĉas nombron de 800 legantoj. Aŭ varbu novajn abonantojn aŭ imitu la ekzemplon de k-o Ahnfeldt aŭ faru ambaŭ, por ke ni povas plialtigi la nivelon de la gazeto sen altigo de la tre modesta abonprezo.

## SCIIGO AL LA LEGANTOJ.

N-oj 1 kaj 2-3 prokrastiĝis pro loĝejŝanĝo de la administrejo kaj pro malfacilaj interrilatoj kun la presejo, pri kiuj mi raportos en Praha.

Admin.

## PRAKTIKA PROPAGANDO.

K-o Heinrich, Potsdam pagis abonon de IPR por la prezidanto de la tiea instruista asocio,
k-o Dopp, Karlsruhe por Biblioteko kaj alian por kolego.

## VARBO DE KOLEGOJ.

Atentis nian peton en n-o 1 de I. P. R. kaj sendis adresojn de Esperanto-instruistoj: k-oj Ahnfeldt, Torskors, Svedio; Hahn, Gohlis b. Dresden; Sohrmann, Weinböhla; Roscher, Berbisdorf; Gluchowski, Warszawa; H. Stay, Bournemouth; Leichert, Freital. Dankon!

## SUPRANACIA KOMUNUMO.

Dissendas esperantlingvajn dokumentojn: Principdeklaro, Deklaro, Memorinda dato estas. Kiu deziras informiĝi pri tiu supernacia respubliko petu la dokumentojn de la sekretariejo: 3. Place du Panthéon, Paris V.

## EL INSTRUISTAJ GRUPOJ.

PIRNA-A ESPERANTO GRUPO: Komence de la nova jare la malnova estro Hans Ludwig okaze de la ĉefkunveno fordonis sian estran oficon kaj la membraro elektis kiel novan estron k-on Bernhard GROSSMANN, PIRNA, Gartenstrasse 30 (Germ.). Ĉiuj, kiuj volas interrilati kun la grupo, estas petataj turni sin al li.

Hans L u d w i g, protokolanto.

---

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.

## TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj en | Mono al Int. Ped. Revuo | Kotizo por** T.A.G.E. |
|---|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 | 1,2 |
| Argentina | pes. or. | 2 | 0,8 |
| Aŭstria | ŝil. | 4 | 1,6 |
| Belga | nova mono | 4 | 1,6 |
| Brazila | milr. | 4 | 2 |
| Bulgara | lev. bulg. | 80 | 30 |
| Ĉekoslovaka | kron. ĉek. | 20 | 8 |
| Dana | kronoj d. | 2,5 | 1 |
| Estona | mark. est. | 250 | 100 |
| Finnlanda | mark. finl. | 25 | 10 |
| Franca | frankoj fr. | 12 | 5 |
| Germana | mark. or. | 2,50 | 1 |
| Hispana | pesetoj | 4 | 2 |
| Hungara | kronoj or. | 2,5 | 1 |
| Itala | liroj ital. | 15 | 6 |
| Japana | jen. | 1,5 | 0,6 |
| Jugoslava | dinaroj | 35 | 14 |
| Litova | lid. | 6 | 2,4 |
| Latva | lat. | 3 | 1,2 |
| Nederlanda | gulden. | 1,50 | 0,6 |
| Norvega | kron. norv. | 3 | 1,2 |
| Pola | zlot. | 4 | 1,6 |
| Portugala | eskud. | 12 | 5 |
| Rumana | lev. rum. | 120 | 50 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,25 | 0,50 |
| Sveda | kron. sv. | 2,5 | 1 |
| Svisa | frank. sv. | 3,5 | 1,4 |
| Usona | dolaro | 0,75 | 0,3 |

**) Abonantoj de Int. Ped. Revuo nur pagas duonan kotizon.

Abonon por Int. Ped. Revuo kaj kotizon por TAGE sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— por la germ. asocio, 0.50 por TAGE kaj 2.50 M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857“, membroj de la saksa asocio al k-go Hans Heinrich, Plauen-Vo., Moritzstraße 76, ĝirokonto 20.094, Plauen-Vo.





## ABONINTOJ! ŜPARU MONON!

**Renovigu vian abonon pere de niaj agentoj**

| **Landoj** | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Blankrusa: | Agentejo Esperanto, D. Snej̑ko, Minsk, Poŝtkesto 33. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Gabarevo, Kazanlika regiono. |
| Ĉekoslovaka: | Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Finnlanda: | Pärnänen, Sulkava, Lieviska. |
| Franca: | E. Vittecoq, instit. à. Bourville par Fontaine-le-Dun (S. Inf.). |
| Germana: | Goldberg, Frohburgerstr. 68 p. Leipzig-S 3 |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petrovič, Skadarska 35, Beograd, Serbio. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |